4-a JARO FEBRUARO 1912. 4a NUMERO (40)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

**Redakcio** :
OSCAR VAN SCHOOR
20, VONDELSTRAAT
(20, rue Vondel)
ANTVERPENO

**Administracio** :
FRANS SCHOOFS
45, KLEINE BEERSTRAAT
(45, rue de la Petite Ourse)
ANTVERPENO

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*



AMATUS VAN DER BIEST-ANDELHOF,

Ni plenumas la malgajan devon sciigi vin pri la morto de

SINJORO

# Amatus VAN DER BIEST-ANDELHOF

**Komitatano kaj eks-Vicprezidanto de la Antverpena Grupo Esperantista,**

**Prezidanto de la Antverpena Grupo Esperantista Centra Komitato,**

**Eks-Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista.**

**Ĉef-Redaktoro de Belga Esperantisto,**

**Prezidinto de la Sepa Kongreso,**

**Ano de la Lingva Komitato kaj de la Konstanta Komitato de la Kongresoj.**

Dum la kvar lastaj jaroj, nia bedaŭrata samideano dediĉis sian tutan vivon, siajn fortojn kaj sian nelaceblan agemecon al la esperantista movado en Belglando. Li mortis lundon, 22-an de Januaro, je la 5-a matene, en la 62-a jaro de sia aĝo.

Laŭ lasta deziro de la bedaŭrata mortinto la enterigo estis simpla kaj intima.

**GESAMIDEANOJ KONSERVU LIAN MEMORON EN VIA KORO !**

Antverpena Grupo Esperantista,
Antverpena Esperantista Centra Komitato,
Belga Ligo Esperantista.

Antverpeno, la 24-an de Januaro 1912.

# Amatus VAN DER BIEST-ANDELHOF

## 1850–1912

La terura — por neniu evitebla — morto, en la lasta tempo falĉis en la rangoj de niaj eminentuloj. *Domenech Serda*, la famkonata kataluna propagandisto, *Siegfried Lederer*, la bedaŭrata austria samideano, *Doktoro Robin* la estro de la rumano esperantistaro, falis en la lastaj tagoj, kaj jen Belga Esperantisto havas taskon plej dolorplenan por plenumi. La morto de Amatus Van der Biest-Andelhof, forrabita el niaj vicoj, kelkajn semajojn nur post la brilegaj festoj de la Sepa Kongreso, plenigas per funebra sento la koron de ĉiuj belgaj gesamideanoj.

Amatus Van der Biest estis tre konata kaj estimata de la belga samideanaro ; li efektive, de la momento kiam li forlasis sian instruistan profesion, tute kaj tutkore sin dediĉis al la esperanta movado en Belgujo.

Li estis nur de kelka tempo varbita por nia movado, kiam okazis la unua kongreso de Boulogne. Scivolema, li vojaĝis tien kaj el tiu unua internacia kunveno de samideanoj, li kunportis, por la sekvo de sia vivo, varmegan entuziasmon por nia movado. Li senĉese okupis sin pri, pro kaj por Esperanto, li faris multnombrajn propagandajn parolojn, esperantajn kursojn, poresperantajn artikolojn k. t. p. Kaj, kiam en Aŭgusto 1908, la plejmulto de la Belgaj Liganoj ne volis sekvi la reformajn kontraŭfundamentajn ideojn de kelkaj estraranoj, la kunvenantaro vokis nian bedaŭratan amikon al la prezidanteco. Kelkajn tagojn poste, kiam kvin aŭ ses fervoruloj en Antverpeno starigis la novan esperantistan jurnalon, Belga Esperantisto, ili konfidis la Direktoran taskon al Amatus Van der Biest-Andelhof.

Intersekve li estis komitatano kaj vicprezidanto de la Antverpena Grupo Esperantista, prezidanto de la Antverpena Centra Komitato, Prezidanto de la Belga Ligo, Ano de la Konstanta Kongresa Komitato kaj de la Lingva Komitato, Direktoro de Belga Esperantisto kaj Prezidanto de la Sepo por la Sepa.

Kiom da tempo, da laboro kaj da sindonemo li elspezis, por plenumi tiujn multnombrajn taskojn, scias nur ili kiuj kun li kunlaboradis kaj estas ne nur flatema parolo sed profunda verajo kiam ni skribas ke la morto de Amatus Van der Biest-Andelhof estas grandega nekalkulebla perdo por la Belga Esperantismo.

Krom tiuj kvalitoj de laboremo kaj sidonemo, ni povas diri ke nia kara mortinto estis bonkora, sentema kaj simpatia viro. Ni kiuj laboradis kun li kaj vojaĝis kune kun li al diversaj internaciaj kongresoj, scias, plibone ol kiu ajn, kian

bonan koron posedis nia kara kaj bedaŭrata amiko. Pro vera korfunebro ni ploras kaj doloras, pripensante ke nia karulo foriris, sed lia ekzemplo estos por ni ĉiuj incitilo, por ke ni laboru, penadu kaj klopodu en la kampo de la pacema batalado.

Multnombraj estas la leteroj, telegramoj kaj kartoj de kondolenco, kiujn B. E., Belga Ligo, Sepo por la Sepa kaj Antverpena Grupo ricevis ; inter ili, ni ne forgesu citi la leteron de nia kara Majstro. Al ĉiuj samideanoj, kiuj partoprenis nian korfunebron, niajn plej sincerajn dankojn.

Kaj vi, amiko kara, vi mortis, sed via memoro neniam mortos en nia koro ; via idealo ne mortos, ĉar via ekzemplo subtenos nin en niaj laboroj ; kaj estos nia plej bona rekompenco, kiam ni ankaŭ forlasos la vivon, ke la restantoj bedaŭros nin kaj ke same por ni oni diros kiel oni diras por vi.

Li laboris por idealo, li estis viro bonkora kaj simpatia, ni konservos lian memoron en nia koro.

B. E.



# IN MEMORIAM.

Se la tuta Esperantistaro perdis, per la morto de la Prezidanto de la Sepa Kongreso, eminentulon, kies nomo estas konata, kaj estimata, en multaj landoj, mi persone perdis karan kaj amatan amikon. Pro tio, permesu al mi esprimi, en la Revuo kiun li direktis kaj multe amis, kelkajn vortojn pri la intima karaktero de mia neniam forgesebla amiko, **Amatus Van der Biest** estis vera esperantisto, lia tuta animo estis plena je la intima ideo de Esperantismo ; la universala frateco inter la tuta homaro. Lia fido en Esperanto estis senlima. Al li oni povus doni la laŭdon donitan iam al romana estro ; « Li neniam malesperis pri la Respubliko ». Dum tiuj maltrankvilaj tagoj kiam kelkaj, kiuj ŝajnis la apostoloj de nia movado, batalis sekrete kontraŭ ĝi, li neniam dubis pri la fina venko. Ofte li diris al mi : « Ne timu ; ne li, ne mi, ne iu, povus nun » detrui Esperanton. Ni povas, aŭ helpi tiun homeman movadon, » kaj meriti la estontan bonfamon, aŭ esti perfiduloj, kaj gajni » la eternan malestimon de niaj posteuloj, sed la estonteco estas » al Esperanto. »

Kara Amatus, adiaŭ, aŭ plivole ĝis la revido ; pri tiuj grandaj temoj vi kaj mi plene konsentis, la morto ne longe apartigos nin ; baldaŭ ni reciproke revidos unu la alian.

Austin Richardson.
*Vic Prezidanto de la B. L. E.*

# Nia movado en Gent, urbo de la 4a Belga Kongreso.

Gento, la 7an de Januaro 1912

*Estimata Redakcio,*

La artikolon pri la esperanta movado en Spa, kiu aperis en la lasta N° de B. E., interesplene mi legis, kaj ĝia legado incitis min skribi kelkajn vortojn al vi pri la « Antaŭenirado de Esperanto en Gento.» Antaŭ du jaroj, Esperanto estis kvazaŭ nekonata en Gento ; nur unu aŭ du esperantistojn kalkulis nia urbo ! S-ro Sebruyns, la nuna prezidanto de la Genta grupo, kiu tutsole lernis Esperanton, allogita de la beleco de nia lingvo kaj de ĝia utileco, decidis organizi publikan esperantan kurson.

Nur kelkaj personoj respondis al lia alvoko, sed tamen, li organizis la kurson, kiun mi havis la plezuron ĉeesti. Tiu unua provo ne estis feliĉa ; nur tri lernantoj, el kiuj S-ro Barbe, la nuna vigla propagandisto el Gendbrugo, kaj mi, sekvis la kurson ĝis ĝia fino. Kvankam tiu rezultato ne estis kuraĝiga. S-ro Sebruyns ne forlasis kuraĝon, kaj, kun la helpo de siaj ekslernantoj, daŭrigis la instruadon de Esperanto. Novajn kursojn li organizis kaj, post multe da klopodoj kaj pacienco, la enkonduko de Esperanto en nian urbon fariĝis pli kaj pli grava. Tiam ni decidis starigi la « Gentan Esperantan Grupon ». De tiu momento, apogataj kaj helpataj de niaj grupanoj, ni laboradis ĉiam kun pli da vigleco por propagandi nian karan lingvon. Niajn alvokojn oni pli kaj pli aŭdis kaj ĉiutage pli multaj venis la gelernantoj, el ĉiuj klasoj de la societo kaj diversaĝaj ; eĉ unu el ili estis okdek jara ! Estis la honorinda S-ro Willems, la filo de la famkonata S-ro Frans-Jan Willems, kiu dum sia tuta vivo bataladis por la renovigo de la flandra lingvo. S-ro Willems estas nun la vicprezidanto de nia grupo kaj kun la plej granda fervoro, malgraŭ sia grandaĝo, ĉeestas ĉiujn niajn kunvenojn kaj bone scias Esperanton. Sed, el la lernantoj, unu precipe distingiĝis kaj interesiĝis je nia lingvo kaj ĝia propagando. Estis S-ro Alberto Maertens, nun honora prezidanto de nia grupo, kiu, kvankam li estis lerninta dekdu lingvojn, ne ŝanceliĝis lerni dektrian, kaj, mirinda rezultato, kvankam preskaŭ sesdekjara, kaj post apenaŭ 6 monataj da lernado, li sukcesplene akiris la ateston pri esperanta profesora kapableco ! De tiu momento, li fariĝis nia plej senlaca kaj sindonema propagandisto. Okupante la unuan lokon el la plej alta mondumo de Gento (li estas grava industriisto, konsulo de Aŭstrujo, prezidanto de la Administracia konsilantaro de la ĉefa banko de Gento, — « Banque de Flandre,» — k. c.) li havas multe da infiuo kaj tiun influon li ne marĉandas. Dank'al liaj senĉesaj klopodoj nia grupo estas nun unu el la plej prosperaj el Belgujo.

La 29an de Oktobro, nia grupo donis grandan propagandan feston dum kiu Sro Maertens faris interesplenan paroladon pri Esperanto ; tiu parolado faris grandan impreson sur la ĉeestantaro kiu varme aplaŭdis lin. Tiu propaganda festo, kiun ĉeestis pli ol 500 personoj, el kiuj multe da eminentuloj el nia urbo, havis grandan efikon por nia movada dank'al la parolado de Sro Maertens. De ĉiuj flankoj nun oni sin interesas pri Esperanto kaj ĉie en la urbo oni aŭdas favore paroli pri nia lingvo. La gentanoj diras al si ke Esperanto devas esti serioza afero ĉar serioza viro kiel Sro Maertens sin okupas pri ĝi.Tial ili venas al ni kun konfido. Kia diferenco inter la komenciĝo de nia propagando kaj nun ! Antaŭ nur kelka tempo kiam oni parolis al iu pri Esperanto, tuj moka rideto aperis sur liajn lipojn kaj li levis la ŝultrojn respondante ke Esperanto estis nur ridinda utopio kaj li ne estis for je opinii ke ĝiaj propagandistoj estis danĝeraj frenezuloj ! Sed nun oni ne ridetas plu.La okuloj malfermiĝas ; la veron oni ne plu povas nei ! La urbestraro mem interesas sin pri nia afero. Dank'al la senĉesaj klopodoj de S-ro Maertens, la Skabeno de la Publika Instruado permesis al ni malfermi du esperantajn kursojn por la geinstruistoj. Tiuj kursoj okazas en komunuma lernejo, kiun la urbestraro metis afable je nia dispono, la unua, por la instruistoj, ĉiumarde, gvidata de S-ro Maertens mem ! kaj la dua, por la instruistinoj, ĉiusabate, donata de mi. Cirkaŭ tridek lernantoj, el kiuj kelkaj direktoroj de lernejo, ĉeestas fervore tiujn kursojn. Antaŭ la proksima kongreso, ni intencas okazigi ekzamenon por la akiro de Esperanta profesora kapableco. Jen gravega kaj ne esperita fakto por nia movado ? Ĉu ne estos la geinstruistoj, kiujn oni devas interesigi je nia afero ? Ĉu ne estas la geinstruistoj kiuj estas la plej bone lokitaj por progresigi nian karan lingvon ? Ĉu ne estos per la geinstruistoj ke Esperanto enkondukiĝos en la lernejojn ? Ĉu ne estos per la geinstruistoj ke ni trafos la infanojn, kiuj devas esti la ĉiama celo de niaj klopodoj por la fina venko ?

Ĉu ne estas kuraĝiga kaj ĝojiga konstati ke viro, kiel S-ro Maertens, okupanta tian situacion, tiel fervore sin okupas pri la propagando de nia sankta afero ? Ne kontenta pagi per sia persono, li ankoraŭ ĵus verkis ŝatindan malgrandan gramatikon pri Esperanto. Lia celo verkinte tiun gramatikon estis la nura propagando. Li sendis sian verkon, subskribitan «Albert Maertens Président d'honneur du groupe Espérantiste Gantois», al ĉiuj la eminentuloj de nia urbo. Tio faras al ni la plej efikan propagandon. Multaj personoj al kiuj S-ro Maertens sendis la libron fariĝis jam protektantaj anoj de nia grupo kaj tiamaniere Esperanto eniras en la altan societon kiun precipe ni devas interesigi pri nia afero.

Apenaŭ la kurso por la geinstruistoj estas malfermita kaj la ĉefpolicestro sciigis nin ke li estus feliĉa se ni povus organizi

esperantan kurson ankaŭ por la policanoj. Li opinias ke estus bona afero ke la policanoj scius Esperanton por la internacia ekspozicio kiu okazos la venontan jaron en nia urbo. Memkompreneble ni tuj aranĝos la aferon. Ĝis nun pli ol 20 policestroj kaj policanoj enskribiĝis por tiu kurso. Okazas nun *ĉiusemajne* en Gent 6 esperantaj kursoj!

Vi do povas konstati ke la gentanoj ankaŭ ne dormas! La Artevelde'aj idoj havas la kapon malmolan kaj kiam ili volas ion, tion ili volas bone kaj obstine ; do, ili volas ke Esperanto sukcesu *en Gent kaj ĝi sukcesos* se ne ili mortos je la tasko!

Ni jam ageme laboras por nia kvara Belga kongreso, kiu, kiel vi scias, okazos baldaŭ en Gent. Ĉi-tien, mi aldonas la provizoran programon kaj mi esperas ke ĝi kontentigos la kongrespartoprenontajn.

Le kosto de la kongreskarto estos unu frankon.

La kosto de la festeno tri frankojn kaj duonon, *Frs. 3.50* kun *duonbotelo da vino.*

La kosto de la vaporŝipa ekskurso unu frankon kaj kvarono, *Fr. 1.25.*

La kongreskarto rajtigos partopreni la vesperfeston, senpage viziti la muzeojn, k. c.

La organiza komitato antaŭdankeme ricevos plezure ĉiujn proponojn kaj kritikojn farotajn de la grupoj aŭ de la disaj geesperantistoj, rilate al la programo de la kongreso.

La grupoj estas insiste kaj afable petataj, senprokraste, sin okupi pri la ĉeesto al la kongreso. Speciala alvoko estas farata al la prezidantoj de ĉiuj grupoj por ke ili de nun klopodu ĉe siajn gegrupanojn por ke ili ĉeestu plejmulte kiel eble la kvaran. Decas, ke post la 7a internacia, la 4a Belga Kongreso estu vera sukceso kaj ke niaj gesamideanoj multnombre ĉeestu ĝin ; estos la plej bona maniero vidigi al la neesperantistoj ke nia afero estas jam potenca.

Mi esperas ke Belga Esperantisto bonvolos fari propagandon ĉe siaj gelegantoj por ke ili venu ĉiuj al Gent. Ni povas certigi ilin ke ili ricevos plej afablan akcepton kaj ke ili ne bedaŭros sian vojaĝon.

Estas ankaŭ dezirinde ke la grupoj lernu la jam en B. E. aperintajn aŭ aperontajn kantojn esperantajn por agrabligi niajn kunvenojn dum la kongreso.

Por ĉiuj sciigoj aŭ proponoj rilate al la kongreso oni bonvolu sin turni al mi, kiu estas sekretario de la organiza komitato.

Antaŭdankante vin pro la artikolo kiun vi bonvolos presigi en B. E. pri « Esperanto en Gent » kaj pri nia kongreso, mi petas vin bonvoli akcepti la esprimon de miaj plej sinceraj samideanaj sentoj.

---

## PROVIZORA PROGRAMO

DE LA

# IVa BELGA ESPERANTISTA KONGRESO

## (GENT LA 26-27a DE MAJO 1912).

UNUA TAGO. (Dimanĉo).

9 1/2 h-ro. Kunveno de la gekongresanoj en la kafejo « Cambrinus », Flandrastrato, (Vlaanderenstraat - Rue de Flandre) apud la stacidomo.

10 » Oficiala akcepto en la urbdomo.

11 » Jara ĝenerala kunveno de la « Belga Ligo Esperantista » en la Borso, (Kouter Place d'Armes).

1 » Festmanĝo en la granda salono de la Borso.(Kouter, Place d'Armes).

3 » Promenadeto kaj vizito al florkulturejo en Gentbrugo, kies Esperanta Grupo akceptos kaj kondukos la gekongresanojn.

7 » (*Akurate*). Granda kant- kaj drama esperanta festo en la bela Franca Komedia Teatro : « Minard ». (Oni ludos la tri esperantajn teatraĵojn : « Por Kvietaj Personoj », esperantigita de Amatus, « Duonsurda » kaj « La Fianĉiniĝo de Sovaĝulineto » originale verkitaj de Johanino Flourens, (Roksano) la famkonata francino kaj esperanta literaturistino, el Béziers, kiu ĉeestos nian kongreson kaj eĉ ludos rolon.)

DUA TAGO. (Lundo).

9 » Kunveno de la gekongresanoj en la kafejo « Cambrinus ».

9 1/2 » Vizitado al la ĉefaj vidindaĵoj de la urbo.

12 » Ekskurso per vaporŝipo laŭlonge la pentrindaj riverbordoj de la rivero Leie-Lys.

2 » Laŭvola manĝo

Vespere Reveturo al Gent.

La Sekretario de la Organiza Komitato,
HENRI PETIAU,
60, Sint Lievenslaan, Gent.

# VIIIa Universala Kongreso Esperantista

**Krakovo, 11 — 18 augusto 1912.**

DUA CIRKULERO.

La laboroj de la Organiza Komitato rapide marŝas antaŭen. — Multego da ĉiutage ricevataj korespondaĵoj kun informpetoj, konsiloj kaj proponoj montras, ke la Oka vekis viglan intereson inter la ĉiulandaj gesamideanoj. —

*Aliĝoj.* — La komitato eldonis aliĝilojn, kiuj estis senditaj al ĉiuj ĝisnunaj provizoraj aliĝintoj. — *La Kongresa karto kostas* Sm. 6.— = 14.40. — Post ricevo de aliĝo, akompanata de mono tuj estos sendita provizora kongreskarto kun definitiva numero. — La unuaj kelkcent aliĝintoj ricevas kune kun la provizora kongreskarto, kiel premion la belegan esperantistan himnon kun notoj. « La Tagiĝo, » verkitan de Sro. A. Grabowski kaj malavare donacitan de Sro. J. Günter, redaktoro de « Pola Esperantisto. »

Familianoj, edzinoj kaj infanoj kune venantaj kun la familiestro pagas nur Sm. 3.— kaj ricevas tn. suplementajn kartojn, sed la kongresajn dokumentojn ricevas sole la familiestro.

Same geblindulоj pagas duonan prezon, sed ili plenrajte ĝuos ĉiujn privilegiojn de la kongreso. — (Kial doni al la geblinduloj dokumentojn kaj presaĵojn kiujn ili tamen ne povas legi ? Redakcio).

La kongresa karto Nro. 1. havas specialan karakteron, ĉar ĝi estos aukcie vendita. — Ĝin ricevos tiu kongresano, kiu ĝis la unua de majo oferos por ĝi la plej altan sumon. Oni sendu proponojn !

*Adreso.* — La sola adreso de la organiza komitato estas « Kongreso Esperantista en *Krakovo*, Aŭstrio-Galicio ». — Kvankam ni skribis pri tio jam en nia unua cirkulero, tamen n. estas devigitaj ankoraŭ unu fojon tion ripeti, ĉar kelkaj anoj de la organiza komitato ricevis malpravajn plendojn, ke oni ne sciigis la adreson de la sekretariejo. — Ĝuste por plifaciligi la kongresan korespondadon, oni jam de longe klopodis kaj sukcesis ricevi de la poŝta administracio specialan poŝtan keston.

*Loĝado.* — La loĝigan sekcion efike helpas la urbestraro, kiu metis je disponoj de la Komitato riĉan materialon koncernantan ĉi tiun fakon. — La preparaj laboroj de la aludita sekcio baldaŭ estos finitaj kaj ni povos en plej proksima estonto publikigi tarifon kun prezoj de loĝado kaj manĝado.

Ĉar ni ricevis de diverslandaj studentoj avizojn, ke la studentaro intencas grandare partopreni en la Oka kongreso ni zorgas por havigi al ili kiel eble plej malkaran loĝejon. — Ni do sukcesis trovi por la studentoj agrablan hejmon, en kiu la loĝado dum ses tagoj kostos nur Sm. 1.25.

*Oficiala helpo* — La Organiza Komitato sendis konformajn petskribojn al ministerio por publika instruado, ministerio por fervojoj, ministerio por publikaj laboroj kaj ministerio por Galicio. — La galicia ministro dum speciala audienco firme promesis al la komitato subtenadi ĝiajn klopodojn ĉe la aluditaj estraroj.— Same estis sendita al la provinca parlamento petskribo pri subvencio, kiun subtenos la krakova urbestro, Dro. Leo, estante samtempe provinca deputato.

*Gvidlibroj.* — Estas presataj gvidlibroj tra Zakopane kaj Tatroj, kie okazos postkongresa ekskurso, kaj speciala gvidlibro tra krakovaj preĝejoj, famaj pro siaj multenombraj artaĵoj. — Laŭ sia eksteraĵo la cititaj gvidlibroj similos la gvidlibron tra Krakovo.

*Akceptejo.* — Por aranĝo de akceptejo kun apartenaĵo (skriboĉambro, legejo, poŝtoficejo, vestejo, lavejoj, ktp.) de ekspozicio kaj vendejo, la komitato ricevis la vastan kaj belegan konstruaĵon de Komerca Akademio, kiun la direktoro Sro. Kannenberg, granda amiko de nia movado bonvolis doni je dispono de la kongreso. —

*Teatro.* — Estos ludita « Mazepa » kortuŝanta tragedio de Julius Slowacki. — La libron eldonis la firmo Hachette & Co. en Parizo, kie ĝi estas ricevebla por Fcs. 2.—. La tragedion ludos la plej eminentaj aktoroj de krakova urba teatro. —

*Literatura konkurso.* — Ni varme petas, ke bonvolemaj personoj, instigitaj de nia unua cirkulero, prokrastu sian intencon pri difino de temoj kaj premioj, ĉar pri tiu grava punkto ni donos interesajn detalojn nur en la plej proksima cirkulero. —

*Vojaĝo al Krakovo.* — Ĉiu aliĝinto ricevas kune kun la provizora kongreskarto, specialan tabelon de distancoj inter Krakovo kaj 30 plej gravaj urboj en Europo kaj Azio. — La tabelo montras detalajn prezojn de fervojoj (nur en unu direkto — ne ire kaj revene !) kaj la daŭron de la vojaĝo. —

*Peto.* — Fine grava peto al ĉiuj samideanoj, kun kiuj ni interrilatus pri kongresaj aferoj : ili ne prokrastadu siajn respondojn kaj tiamaniere ne malfruigadu niajn laborojn, memorante la anglan proverbon : Time is money ». —

Loka Organiza Komitato.

* * *

La vojaĝo de Antverpeno ĝis Krakovo, tra Berlino-Breslaŭ, kostas, duaklase : 36 sm 30 kaj triaklase : 23 sm 16, per rapida vagonaro (daŭro de la vojaĝo : 23 horojn).

La belgaj samideanoj, kiuj deziras ricevi aliĝilon por la 8a kongreso, povas sin turni ankaŭ al la administracio de « Belga Esperantisto » Kleine Beerstraat 45, Antwerpen.

# La Reĝo Alberto vizitis la lastan batalinton de 1830a

La Reĝo jus faris belegan paŝon kiu, nepridubeble, estos taksata kiel ĝi meritas : li vizitis, mardon posttagmeze, en Feluy-Arquennes, la lastan postvivanton inter la batalintoj de 1830a : S-ron Philippe Dumoulin.

Kio okazigis tiun reĝan iniciativon ? Jen. La faktoj ne estas seninteresaj.

Antaŭ kelka tempo, la brava Dumoulin, kies centdujaran naskiĝtagon oni jus estis festinta, esprimis la bedaŭron kiun li sentus se li mortus ne koninte la reĝon Alberto.

« Mi unufoje vidis lin », li diris, « sed li estis ankoraŭ tre juna infano ». Kaj li aldiris melankolie : « Se nur mi havus lian fotografajon.... »

Tiu fakto hazarde estis konigita al la Reĝo.

« Ne nur », deklaris la Ŝtatestro, « mi deziras ke Dumoulin ricevu mian fotografajon, sed mi volas mem ĝin al li alporti ».

La volo de la Reĝo estis preciza. Oni informiĝis pri la sano de la maljuna batalinto. « Bonega », estis la respondo. Sed estis necese prepari la maljunulon pri tiu vizito. Tro forta emocio povus esti al li mortiga. Tial la Reĝo komisiis S-ron Godefroid, sekretarion de la ordonoj, iri lundon al Feluy-Arquennes por antaŭsciigi la maljunulon kaj liajn familianojn.

En Feluy-Arquennes, Philippe Dumoulin loĝas ĉe siaj infanoj, kiuj havas tie kafejon tute malgrandan, sed beletan kaj zorgitan. Kiam S-ro Godefroid penetris en la domon, estis matene, kaj en malantaŭa ĉambro, la maljuna batalinto matenmanĝis, ĉirkaŭata de siaj du filinoj.

S-ro Godefroid diris sian titolon, kaj, rememorigintela deziron kiun S-ro Dumoulin estis espriminta, li sciigis lin ke la Reĝo persone alportos al li sian fotografajon.

Dumoulin estas konservinta sian tutan memkonsciencon. Li ekbruligis sian pipon, rigardis longtempe la senditon de la regnestro kaj ekkriis ; « Estas ŝerco. Mi ne kredas tion. La Reĝo sin ĝenus por alporti al mi sian portreton. Ne, oni mokas min. »

S-ro Godefroid insistis kaj fine konvinkis Dumoulin ke la Reĝo vizitos lin en Feluy-Arquennes.

Tiam la maljunulo, pro nedirebla emocio, ekploregis :

« Se estas vere, tute vere, ke la Reĝo venu. Sed, » li aldiris, « tio estas tamen honoro kiun mi neniam estus riskinta ambicii. »

Tiam, post momento da silento, li ekkriis : « Vivu la Reĝo, » kaj mardon, je l'komenco de la posttagmezo, la Ŝtatestro, en simpla uniformo de leŭtenanto-generalo, kaj akompanata de S-ro Godefroid kaj de l'komandanto de Posch,

adjutantoficiro, forlasis aŭtomobile la palacon de Bruselo por veturi al Feluy-Arquennes, lokita je unu mejlo de Nivelles, sur la vojo al Mons. Sed la sciigo jam disvastiĝis ; ĝi estis rapide konita en Arquennes kaj en la ĉirkaŭaĵo, kaj pro tio, la vojoj laŭveturitaj de la reĝa aŭtomobilo estis okupataj de la loĝantaro kiu aklamis la regnestron je lia pasado.

Ĝuste je la dua kaj kvarono, meze de la popolamaso, l'aŭtomobilo haltis antaŭ la modesta domo de Philippe Dumoulin. Do estis tute vere. Oni ne estis mokinta la maljunulon, kiu, tute kurbiĝinta, emociata, tie staris sur la sojlo de sia domo, atendante la Reĝon. Kaj por akcepti lin, Dumoulin vestiĝis per la blua kitelo kun nacikoloraj refaldaĵoj, kaj kapvestiĝis per la ĉapo kun ruĝ — flav — kaj nigrakolora kokardo, kiun portis la batalintoj de 1830a, kaj kiun ili elmontris tiel fiere en la stratoj de la ĉefurbo, dum la tradicia pilgrimo al la Placo de l'Martiroj.

La centjarulo estis ĉirkaŭata de siaj infanoj, de siaj nepoj, kaj tie estis ankaŭ la vilaĝestro, la paroĥestro, la aŭtoritatuloj kaj la kampogardisto, kiu estis surmetinta sian plej belan uniformon. Tuj kiam li ekvidis la respektindan postvivanton el niaj gloraj tagoj, la Reĝo iris al li kun etenditaj manoj ; okazis longa premado, dum ektondris la « brave ! » kaj « vivu ! »

La Reĝo eniris en la modestan kafejon, kaj, ĉar la popolamaso estis densa, li iris en la fundan ĉambron kun Dumoulin kaj liaj familianoj.

Sur pleto atendis botelo da ĉampanvino kaj kelkaj glasoj.. « Reĝa Moŝto, » diris Dumoulin, « vi akceptos trinkaĵon. » — « Ne, ne, mi dankas pro via bona intenco, » respondis la Reĝo.

Sed la maljuna batalinto ne estis kontenta. Li insistis. « Jes, jes, » li diris, « la Reĝo ne rifuzos al mi tiun plezuron. » — « Akceptita », diris la regnestro, « mi intertostos kun vi kaj trinkos je via bona sano. »

Oni saltigis la ŝtopilon. La glasoj estis plenigataj, kaj la Reĝo, alproksimiĝante al la maljunulo, kiu sidis en sia apogseĝo, diris al li : « Mia brava Dumoulin, mi trinkas je via sano kaj esperas ankoraŭ revidi vin. »

« Vivu la Reĝo », ekkriis Dumoulin. Kaj la Reĝo, kun ĉarma simpleco, intertostis kun la tuta familio, kun la vilaĝestro, kun la pastro, kaj ankaŭ kun la kampogardisto...

Je tiu momento la regnestro donis al la batalinto unu el siaj lastaj kaj plej belaj portretoj en ceremonia uniformo kaj ĉirkaŭita per bela kadro.

Ĝis larmoj kortuŝita, Dumoulin petis de la Ŝtatestro la permeson ankoraŭ premi liajn ambaŭ manojn. Ĉiuj ploris, kaj la Reĝo mem ne malplej impresiĝis. « Vivu la Reĝo ! Vivu la Reĝino ! Vivu la princoj ! » ekkriis ankoraŭ Dumoulin kiam la Reĝo lin adiaŭis. Kiam la regnestro aperis sur l

sojlo de la domo, li estis aplaŭdata de la popolamaso, kiu ankoraŭ plimultiĝis, kaj ne estis senpene ke la reĝa aŭtomobilo sukcesis ekmoviĝi meze de l'amasego.

Je la kvara kaj duono la Ŝtatestro reeniris en la palacon de Bruselo.

El « Courrier du Soir », 17 Januaro 1912a,
esperantigis
Maria Posenaer.

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTWERPEN. — Antverpena Grupo Esperantista.** — Sabaton 13an de Januaro la Antverpena Grupo inaŭguris sian novan kunvenejon en la Salono Peter Benoit, Bulvardo de komerco, 239. Tiuokaze oni aranĝis intiman festkunvenon kiun partoprenis ankaŭ samideanoj el la diversaj antverpenaj grupoj kaj delegitoj el S-ta Mariaburgo kaj Boom. Okazis paroladeto de la prezidanto kaj poste oni aŭdis kantojn de S-oj Van de Velde kaj Van Schoor, belan monologon de F-ino Giffroid kaj agrablajn melodiojn por violono de F-ino Bevel. S° Amatus Van der Biest malhelpata de grava malsano ĉeesti la kunvenon sendis leteron esprimantan liajn simpatiajn sentojn kaj lian bedaŭron esti en la neebleco ĉeesti la vesperkunvenon. La tuta ĉeestantaro laŭte aplaŭdis la proponon sendi al la kara malsanulo telegramon kun dankesprimoj kaj kun sinceraj bondeziroj de baldaŭa resaniĝo. Fine S° Nelis, unu el la novaj lernantoj, faris legadon de origanala verko. La kunveno fermiĝis je la 11 1/2 kaj ĉiuj ĉeestintoj laŭte aprobis la elekton de la nova kunvenejo.

**La Verda Stelo.** — La 17an de Januaro okazis la jara ĝenerala kunveno de tiu vigla grupo.

Post la kantado de la « Espero » fortepiane akompanita de nia samideanino Maria Klingelhoets, la prezidanto, S-ro Frans Schoofs, dankante la anojn pro ilia multnombra ĉeesto, malfermis la kunsidon.

La Sekretario legis la protokolon pri la antaŭa kunveno, kaj a raporton pri la jaro 1911. En malmultaj vortoj li skizis la brilajn tagojn de la 7a Tutmonda Kongreso de Esperanto.

Parolante, pri la granda parto alportita al la sukceso de la kongreso, de la « Verda Stelo » li diris : « Je tiu okazo estas necese ke ni adresu « niajn sincerajn dankesprimojn al nia estimata Prezidanto. Li estis Sepano « kaj direktis la malfacilan laboron pri loĝado de la kongresanoj. Vi ĉiuj » scias ke, kie estas nia Schoofs, tie oni laboras, kaj tie la vorto « malsukceso » » ne estas konata. Li ne nur alte tenis la bonan nomon de « La Verda Stelo » » sed li eĉ pligrandigis ĝin. Mi do esperas esti la interpretanto de viaj sentoj, » dankante lin pro lia ekzempla sintenado je tiu okazo kaj el la tuta » koro mi diras : Vivu nia kara Prezidanto ! Viva nia sindonema Schoofs » Tondraj kaj longedaŭraj aplaŭdoj montris sufiĉe ke la kunsidantaro konsentis tutkore pri la vortoj de la Sekretario.

Per tiu raporto ankoraŭ, eksciis la anoj, ke la tri kursoj donitaj de nia prezidanto dum la pasinta jaro estis sekvataj de proksimume 150 lernantoj.

Post pritrakto de aliaj punktoj de administracia intereso (nombro de la anoj, biblioteko, k. c.) tiu raporto finiĝis per varma alvoko al la grupanoj por regula ĉeesto ĉe la konversaciaj kunvenoj, kies graveco, precipe por la novaj esperantistoj kaj lernantoj estas neneigebla.

Sekvis, post lego de tiu raporto, voĉdono pri ŝanĝoj proponitaj en la regularo. De nun la tuta komitato estos ĉiujare reelektata de la ĝenerala kunveno. Laŭ tiu nova metodo oni tuj elektis la komitaton por la jaro 1912. Jen la nomoj de la elektitaj komitatanoj :

F-ino Maria Klingelhoets, Sinjoroj W. de Koning, J. Fillet, J. Hermans, J. Jacobs, Frans Schoofs, L. Van de Voorde kaj S. Weizs.

La Prezidanto sciigas la kunsidantaron pri la organizo de nova kurso komenconta la 22an de Februaro, kaj okazonta ĉiun ĵaŭdon en la lernejo de la Gr. Hondstraat ; li invitas insiste ĉiujn anojn varbi kiel eble plej multe da lernantoj.

En elokventaj vortoj la Prezidanto dankas la simpatian samideanon D-ro W. Broeckaert, de la Antverpena grupo, pro sia afabla ĉeesto ĉe nia kunveno, kaj esprimas la esperon lin vidi multfoje en nia mezo.

La administracia parto de la tagordo estante elĉerpita la kunsido estas fermita je la 10 1/2 h.

Kaj nun komencis la plej agrabla parto ; la koncerteto. Kantoj kaj muzikaŭdadoj sin sekvis alterne. Dank' al la afabla kunlaboro de F-ino kaj S-ro Nabbé kaj de S-ro Olsson, fortepian-kaj mandolenludistoj tiu parto bonege sukcesis. Ĝi sukcesis tiel bone ke la ĉeestantoj iom forgesis le rapidecon de l'tempo kaj ke nur, kiam la sonorilo de l'preĝejo ekbatis la unuan matene, oni pensis pri foriro.

o
o o

La 24an okazis la unua kunveno de la nova komitato kiu elektis sian estraron jene : Prezidanto : Frans Schoofs ; Sekretario : L. Van de Voorde ; Kasisto : Jul. Hermans ; Bibliotekisto : Jan Fillet.

La grupanoj kiuj ĉeestis je tiu sama vespero la perfektigan kurson aŭskultis starante la malgajan komunikaĵon de la prezidanto pri la morto de nia eminenta samideano Van der Biest-Andelhof, kiu helpis al la definitva starigo de « La Verda Stelo. » Leono.

— **Grupo « Verda Standardo »**. Ĵaŭdon 1an de Februaro en la Syndikaat van Handel en Nijverheid, Korte Nieuwstraat 44, en nia urbo, oni starigis novan grupon sub la nomo « *La Verda Standardo* » Tiu nova grupo, konsistanta el komercoficistoj, enhavas 21 anojn. Oni elektis kiel Prezidanto, S-on Professoron A. Vermandel, kiel Sekretario S-on Cocks, kaj kiel Kasisto S-on Fillet, la tri samideanoj kiuj multege klopodis por la fondo de tiu grupo. Nova kurso estos regule donata en la sidejo de la grupo. Kiel la aliaj antverpenaj grupoj, la nova grupo abonis ĉiujn siajn anojn al la oficiala belga revuo = Belga Esperantisto. F. —

— **Suda Lumo.**—Tiu agema grupo sciigas nin ke ĝi organizas koncerton kaj balon, je la 2a de marto, je la 9a vespere, en la Festsalono « Risquons Tout » Placo Leopold de Wael. La komitato de « Suda Lumo » invitas ĉiujn gesamideanojn de Antverpeno kaj ĉirkaŭaĵo por partopreni en tiu festo. Por kovri la specialajn elspezojn, la organizantoj fiksis la personan enirpagon je Fr, 0.50. — Antverpenaj Esperantistoj : Ĉiuj suden !

— **Suda Lumo.** — La kurso malfermita antaŭ du monatoj tre grande sukcesis. Preskaŭ ĉiuj la lernantoj regule ĉeestas la ĉiujaŭdan kurson Ni multe ŝuldas tiun sukceson al nia agema samideano kaj profesoro S-ro J. Jacobs.

**BORGERHOUT. — Grupo Laboro.** — Lundon la 22an je la 9a vespere okazis en la ordinara sidejo de la grupo la dua legadvespero. F-ino Maria Posenaer, la eminenta vic-prezidantino priparolis la rimarkindajn vidindaĵojn de la malgranda insulo Rè. La paroladintino kiu vizitis tiun belan insuleton sukcesis dum preskaŭ tutan horon treege interesigi la aŭdantaron. La prezidanto dankis varme la parolintinon kaj la aplaŭdoj de la ĉeestantaro aprobis liajn parolojn.

S-ro Van Schoor poste sciigis la morton de S-ro Amatus Van der Biest Andelhof kaj ĉiuj samideanoj sin levis kiel signo de partopreno.

La kunveno fermiĝis je la 10 1/2a.

S-ro Untermann donacis du ekzemplerojn de sia verko « En Danĝero » por la grupa biblioteko. A. V.

**CHARLEROI.** — Por kuraĝigi la nove aliĝintajn gelernantojn kaj teni ilin kiel eble plej multnombre kaj longdaŭre sub la verdstela standardo, la karloreĝa grupo komprenis la nepran neceson krei diversspecajn allogilojn. Ĝi sukcesis decidi la urbestraron doni monan helpon da *du cent* frankoj, kies ĉefa celo estas ebligi la plej laboremajn kaj progresantajn lernantojn de la tiu ĉi jaraj kursoj, ĉeesti la proksiman nacian kongreson en Gent. La grupo eble pligrandigos tiun sumon kaj dividos ĝin en premioj de 25 frankoj minimume, kiuj estos disdonataj laŭ la sekvantaj kondiĉoj : La postulontoj almenaŭ deksesjaraj, devos turni sin skribe al la prezidanto de la grupo por sciigi sian deziron partopreni la disdonon. Ili devos regule kaj diligente sekvi la publikan kurson kaj, je la fino de aprilo, submetiĝi al ekzameno antaŭ komitato konsistanta el karloreĝaj grupanoj.

Plie, de tempo al tempo, laŭ la financa stato de grupa monoskatoleto, ĉiuj grupanoj, proporcie al la nombro de siaj apudestoj ĉe la semajnaj kunvenoj, partoprenas lotumon de malgrandaj premioj. La lotaĵoj konsistas el diversaj esperantistaj libroj aŭ revuabonoj.

— Sro Delavignette el Merbes-le-Château faris, la 24an de decembro, paroladon pri esperanto ĉe la Kristana Unuiĝo de Junuloj en **Courcelles.** La semoj ne perdiĝis. La unua esperanta kurso, organizata en la karloreĝaj industriaj cirkaŭaĵoj, komencis tie la 18an de Januaro. Ĝi estas farata ĉiujaŭde vespere de karloreĝa grupano S-ro W. Ernst.

**GENT. — Granda sukceso por nia movado.** — La komitato de la ekspozicio internacia akceptis la proponon de S-ro Vermandel el Antverpeno, uzi la servojn de U. E. A. por propagandi la ekspozicion de la proksima jaro. Oni dissendos esperantajn reklamilojn.

**GENTBRUGO (apud Gent).** — La juna grupo esperantista « ESPERO » starigita la 12an de decembro 1911 festis sian definitivan fondigon la 24an de Decembro 1911, en sia loko « *Snoekzaal* ». La agemaj grupanoj organizis gravan koncerton ; la konataj kantistinoj Fraŭlinoj *Van der Linden* kaj *Desmet*, kaj la Sinjoroj *Cole Edmond, Faut* kaj *Van Boxstaele* plenumis sian devon, per kelkaj elektitaj kantoj, kiuj treege plaĉis al la multnombra ĉeestantaro.

Fraŭlino Van Hecke deklamis talente la konatan monologon « *Ŝi ne legos ĝin* » Sinjoro M. Penning ankaŭ deklamis perfekte la monologon « *La turisto kun la Verda Stelo* ». La profesoro S-ro J. Barbe-De-Kneef faris belegan paroladon pri la deveno, la utileco kaj la taŭgeco de la Zamenhofa lingvo.

Fraŭlinoj Van Hecke kaj Elegeest ludis meritplene du kvarmanajn muzikaĵojn, kaj la aliaj nelacigeblaj klubanoj finigis la feston per la teatraĵo « *Esperantistenliefde* » flandra tradukaĵo de la konata verko de nia laborema samideano S-ro D-ro W. Van der Biest.

La loko gustplene ornamita per floroj, plantoj kaj esperantaj flagetoj, tre plaĉis al la grandega nombro da alvenintaj scivolemaj personoj, inter kiuj on rimarkis la agemajn kunbatalantojn de la genta grupo, S-ro Albert Maertens honora prezidanto, Ges-roj Sebruyns, Ges-roj Petiau, prezidanto kaj sekretario, kaj aliaj anoj de ilia grupo ; plie nia respektinda paroĥestro ;

la skabeno S-ro Le Fèvere de Tenhove, kaj multego da aliaj estimindaj kunloĝantoj ĉeestis nian unuan feston.

Super la scenejo brilegis granda verda stelo kies longaj brilaj radioj travideblaj miregis la tutan ĉeestantaron.

Dum momento da silento, nia nelacigebla S-ro Albert Maertens supreniris la scenejon, kaj per kelkaj elektitaj laŭdantoj frazoj esprimis sian miregon pri la laboremeco kaj la lerteco de la gentbruga grupo ; li instigis la anojn daŭrigi la laboron ; li invitis la lernemajn ĉeestantojn enskribiĝi por sekvi la malfermotan kurson ; li fine atestis ke esperanto estas la vera helplingvo de l'estonta tempo.

*Komitato de la Gentbrugo grupo Espero* :

Prezidanto, S-ro De Bruyker, Oscar, Klokstraat, 29, Gent ; Vic-prezidanto, S-ro Patoor, Oscar ; Vic-prezidantino F-ino Van Heck, Helène ; Sekretario, S-ro Martens, Joseph, Kerkplein, 1, Gent ; Sekretariino, F-ino Demol, Martha ; Kasistino F-ino Elegeest, Josephine ; Komitatanino, F ino Dewulf, Anna ; Komitatanino, F-ino Franck, Rachel ; Komitatano, S-ro De Landsheere, Oct. ; Komitatano, S-ro Penning Marinus ; Profesoro, S-ro Barbe De Kneef.

**IXELLES. — Nova Grupo.** — La *Teaching Club* de Ixelles festis lundon 15an de januaro la inaŭguracion de la nova esperantista grupo. La grupo *Antaŭen* el Saint Gilles agema kunlaboradis por igi tiun feston eble plej brila. Oni riprezentis la komedion *Por Kvietaj Personoj* kaj l' *Heritage Klodarec* kaj S-ro Meynkercken faris france paroladon pri nia lingvo.

La sidejo de la nova grupo estas, 20, Berlinstrato, Ixelles, kaj la komitato estas jena : Prezidanto, S-ro Lippens ; Sekretario, S-ro De Leener, 69, rue Neuve, Bruxelles ; Kasistino, S-ino De Vlaminck ; Bibliotekisto S-ro Sel.

Ni bondeziras longan kaj ĝojan vivon al la nova grupo, kaj fervoron por progresigi nian movadon. D. L.

**LIEĜO.** — La deksepan de januaro, S-ro Doktoro Dupont — la sindonema prezidanto de la grupo « Beyn'o — Heŭzay'o Antaŭen « invitita de la societo » Les étudiants en licence commerciale, consulaire et coloniale de la Lieĝa universitato paroladis en tiu urbo en la unuaetaĝa salono de la kafejo. « Petit Trianon », Bulvardo de la Sauvenière.

Sinjoro Notermans profesoro de la tiea universitato prezidis tiun kunvenon, kiun ĉeestis kvardeko da studentoj, sinjoroj « H. Bihain, vicprezidanto de l'Antaŭen » kaj J. Albert delegito ĉe la « Belga ligo esperantista ».

S-ro Dupont parolas *Pri la neceseco de internacia lingvo ; elekto de esperanto.*

La parolanto per multaj pruvoj elmontras ke la internaciaj rilatoj senĉese kreskegantaj trudas interkomprenilon por la diversnaciaj homoj. Universala lingvo — ĉie la sama — estos frata ligilo inter la popoloj. Frata ligilo inter la popoloj estos universala lingvo ĉie la sama. Per korekta, pentrinda, klara lingvo la honorinda parolanto elmontras la kvalitojn de esperanto. Tiu lingvo posedas simplegan, rimarkindan gramatikon, logikan konjugacion kaj riĉegan vortformadon. Pro tiuj profitoj tiun lingvon oni devas elekti.

Meze la plej religia silento dum preskaŭ du horoj oni aŭskultas S-ron Dupont. Viglaj aplaŭdoj salutis lian paroladan finon kiuj pligrandiĝis kiam S-ro Profesoro Notermans esprimis al la kuraĝa esperantisto siajn dankojn kaj gratulojn. Unu el la studentojn, eldiris ankaŭ dankemajn parolojn al la sindonema propagandisto, kiu por la dua fojo en Lieĝo sindonis, por divastigi nian karan lingvon. Ĉiam li pruntdonas al nia afero sian elokvencon, kaj sian nedisputeblan talenton.

Sendube tiu ĉi propaganda parolado, tiel interesa, naskigos en la industria urbo, kiu necese devas klopodi por disvastiĝo de sia komerco kaj industrio en la fremdlandojn, la ideon lernadi la Zamenhofan lingvon.

**SINTE-MARIABURG.** — La *Gazet van Sinte Mariaburg* publikigas ĉiusemajne esperantajn novajojn.

— La grupo *Verda Flago* daŭrigas la esperantan kurson kaj la gastotablajn kunvenojn ĉiumarde en la salono de la *Krüger Herberg*, Marialei. Ankaŭ negrupanaj samideanoj ĝuas ĉiam bonvenan akcepton en tiuj kunvenoj.

V. d. S.

**SPA.** — Dimanĉon, 14an de Januaro, la Grupo de Spa organizis sub la lerta direkto de S-ino D-rino Biske sukcesplenan feston.

Inter la grandnombra ĉeestantaro oni rimarkis S-ron Abaton Richardson kaj kelkajn el niaj plej fervoraj samideanoj el Verviers.

Post koncerto, dum kiu la plej junaj el niaj Spa'aj samideanoj kantis ĥore diversajn himnojn, nia amiko Ferrand Mathieux, el Bruselo, paroladis pri « Esperanto kaj Esperantismo ». Kolekto da lumbildoj kiun li montris samtempe, tre efike pruvis la akiritajn rezultatojn de nia movado.

Post la festo, la gesamideanoj gaje kunvenis ĉe la sidejo de la grupo kie manĝeto estis organizita.

Diversaj tostoj estis farataj kaj S-ino Biske, dank'al kies agemeco kaj ĉiama laborado ni ŝuldas la organizadon de unu el la plej prosperaj belgaj grupoj, ricevis merititajn gratulojn.

xxxx

## EKSTERLANDA KRONIKO

**Anglujo.** — Antaŭ kaj post la Kristnaska festo, la fervoro de l'Esperantistoj ĉiam pligrandiĝas kaj okazis propagandaj paroladoj en diversaj lokoj — ekz. antaŭ la fonografia societo en la Cripplegate Institute ; plie en Norfolk.

En Australio okazis en Oktobro la unua kongreso sub plej alta patronado. Ĝin malfermis Lia Ekscel. « Moŝto Sir » Day Hort Bosanquet, K. C. M. G,, G. C. V, O., en la universitato de Adelaide, dum la ĉeesto de l'Kanceliero,kaj Vic-Kanceliero kaj iaj profesoroj de l'Universitato. Plie la ĉefurbestro de Adelaide, la ĉefepiskopo kaj episkopo de Adelaide, la milita komandanto de la urbo ; la ŝtata ĉefministro kaj financministro ; la ministroj de edukado kaj de agrikulturo, la ĉefurbestro kaj universitaj profesoroj. La ĉefregisto de la ŝtato Sir Day Bosanquet faris longan paroladon. Dudek kvar delegitoj de l'aliaj ŝtatoj ĉeestis kaj bone paroladis pri Esperanto rilatanta al scienco, arto, eduko, komerco, plezuro kaj frateco ; ankaŭ pri ĝia plezurejo por blinduloj. La rezulto de l'kongreso estis stariĝo de Australia Esperanta Asocio kaj la plezurdona parto estis ankaŭ plene kontentiga. Estas ebla la unua fojo ke la ŝtatistoj kaj estroj mem partoprenis kaj persone malfermis Esp. kongreson. La Australianoj varbis brave kaj efike.

*Markonigramo* (*senfadena telegrafaĵo*) *sur la maro.* S-o E. C. Reed speciala Esp.delegito de l'Registaro de l' Unuigitaj Ŝtatoj, vojaĝante en la ŝipego Nederlando al Antverpena kongreso — *ricevis* de Dr Yemans,oficiala riprezentanto de l' Usona « War Ofice » kiu iom poste forvojaĝis en la Canadian ŝipego ankaŭ al Antverpeno — markonigramon sekvantan : Bonegan vojaĝon al ĉiuj ». — Dr Yemans tuj ricevis la jenan respondon » Gratulojn pro la Esperanto Sabato de la oficejo de l' *Oceanic* (ŝipego). Tio estas la unua markonigramo ricevito tie ĉi. — Subskribas : T. Harris, Ĉef-manipulanto, — Poste alvenis en ĝusta horo la respondo de S-ro Reed : 20 Esp. sendas dankojn kaj saluton. Reed. — La Oceanic do estis inter la 2 aliaj sipoj kaj ankaŭ ricevis la saluton kaj hazarde esperantisto estis la manipulanto.

Ad. Ŝ.

**Francujo.** — *Ekzemplo imitinda !* — Grava fakto okazis en Parizo la 12an de Decembro. Je l' fino de l' monata vespermanĝo de l' pariza grupo, S-ro Michelin,la mondfama kaŭĉukvendisto pronuncis belan paroladon kaj deklaris

ke, por montri sian simpation al esperanto, li donis 20.000 frankojn disdonotajn kiel premioj al la francaj esperantaj gelernantoj.

Estas nia eminenta samideano S-ro Archdeacon kiu varbis S-ro Michelin.

J. AIZIÈRE.

**El Germanujo.** — Kvankam mi tute ne ŝatas la verkadon de artikolo, kaj raportoj — la neplumlertuloj inter la legantoj certe komprenos pro kio — mi en tiu ĉi okazo volonte ekprenas la plumon. Kun granda plezuro mi akceptis la proponon de miaj belgaj amikoj regule raporti por *Belga Esperantisto* pri la esperanta movado en Germanujo. Mi plenumas per tio devon de forta danko, kiun mi ŝuldas al la belgaj, speciale al la antwerpen'aj (Sinjoro redaktoro, mi petas, ne anstataŭu **w** per **v**) samideanoj kiuj havigas al mi semajnon da belegaj tagoj dum la Sepa Kongreso ! Sed mi solene promesas ke mi klopodos kaj penos, por ne tro multe tedi la indulgemajn legantojn per miaj modestaj raportoj.

Oni pardonu al mi tiun ĉi personan uverturon ; en estonteco mi neniam plu parolos pri mi mem. Kaj nun mi rapidas al la temo.

Unue grava demando : ĉu Esperanto en Germanujo progresas aŭ ne ? Kiu per « malfermitaj okuloj » observas la esperantan movadon en nia lando tiu nepre devas jesi la demandon. La plej grandan meriton je tiu ĉi fakto havas nia « Germana Esperanto-Asocio », kiun S-ro BOURLET varme laŭdis en la lasta laborkunsido de la Sepa. La progresoj ja ne estas tiel grandaj kiel tuj post la Kvara en Dresden kaj kiel nun sendube en Belgujo post la Sepa, sed ili estas sufiĉe grandaj por esti rimarkeblaj, dank'al la senlaca kaj laŭplana laboro de nia asocio. Estas mirinde, kiel la sekretario de G. E. A. la sindiko de la komerca ĉambro en Bromberg, D-ro KANDT, povas plenumi la grandan laboron por Esperanto dum la eksterprofesia tempo ! Sed malgraŭ sia okupiteco li detale respondas ĉiun leteron kaj eĉ skribas romansimilajn leterojn ; tion almenaŭ asertas kelkaj mokemuloj. Tamen li ĉiam trovas tempon por preni sur sin novajn devojn por Esperanto.

Sed neniu regulo sen escepto. Ankaŭ nia bonorganizita asocio havas sian escepton, farante gravan eraron : de post januaro 1912, ĝi ne plu havas kiel oficialan organon la malnovan kaj gravan ĵurnalon « Germana Esperantisto. » Anstataŭ tio ĝi elektis oficiala organo « La Esperantisto », fondita de S-ro FRITZ STEPHAN. Kiel la anoj de G. E. A. akceptos la novan oficialan organon, montros la estonteco ; ĉiuokaze estas domaĝe, ke la estraro de G. E. A. ne trovis alian organon inter la diversaj propagandaj gazetoj esperantaj de Germanujo.

Sed tiu ĉi okazintaĵo ne malhelpos nin kuraĝe iri nian vojon kaj obstine celi la progreson de la esperanta movado en Germanujo. Kun bonaj esperoj ni iras en la novan jaron, kiu por ni estu same sukcesa kiel por niaj belgaj samideanoj post la glora Sepa Kongreso ! ARGUS

**Germanujo.** — Reĝa biblioteko kaj muzeo de Esperanto nun estas fondita en Dresden, administrata de reĝa bibliotekisto, aranĝata en reĝa konstruaĵo. Ĉiu povas pruntepreni librojn, ĉiu povas vidi la valorajn manuskriptojn, fotografaĵojn, bildojn, statistikojn k. t. p. Por ke tiu ĉi reĝa kolekto estu kiel eble plej kompleta, ni petas ĉiujn geamikojn sendi iliajn verkojn aŭ literaturaĵojn aŭ presaĵojn. Eĉ nekompletaj jarkolektoj de esperantistaj gazetoj, nuraj regularoj, prezaroj, programoj k. t. p. estas volonte akceptataj. Ĉiujn donacojn oni sendu sub la adreso : Reĝa Biblioteko, Dresden-Ständehaus, Zimmer 83 (Germanujo).

**Hungarujo.** — La plej amata esperanta gazeto de la maljunuloj kaj junuloj, *Hungara Studento* fariĝis duonmonata. Ĝi pligrandigis sian redaktoraron (inter kiuj troviĝas : prof. Johano Medgyesi, cand. med. Julio de Bulyovozky, Maŭro Beer ktp.) por ke ĝi povu detale informi ĉiujn pri la antaŭaj kongresaj, katolik-kongresaj, naci-kongresaj preparoj.

La *Hungarlanda Esperanta Societo*, kiu kunigis la du ekzistintajn societojn, la Hungara Esperantisto Societo kaj « La Verda Standardo »

faris ĝeneralan alvokon al la hungaraj geesperantistaj por ke ili kunhelpu la komunaferon. Al fremdlandaj esperantistoj baldaŭ estos dissendataj cirkuleraj pri la katolika, — kaj nacia kongresoj, okazontaj en Budapesto, dum la somero 1912. Por informoj sin turni al sekretaria oficejo de H. E. S. Budapest., IX üllos ut 59. —

**Irlando.** — Esperanto en Irlando ankoraŭ estas en la propaganda stato; la afero progresadas malrapide sed certe. Cetere en la kutima grupa kurso, nia korespondanto organizis kuracistan klason kun la jenaj kiel lernantoj: eksprezidanto de la reĝa kolegio de medicinistoj, profesoro de akuŝpraktikado, sekretario de la Irlanda medicina asocio, eminenta okulkuracisto, anesteziisto, k. a. La registristo ĝenerala por Irlando kaj la helpa registristo promesis ĉeesti; sed bedaŭrinde ĉi tiu eksuferis pneŭmonion; sekve ambaŭ forestas; de la 12 de marto li faros paroladon antaŭ la medicina studentaro kaj vidigos belegan serion de prikongresaj lumbildoj afable donacitaj de S-ro Albert de Meyer el Antverpeno. La universitatestro multe interesis sin pri la kunveno, kaj subtenis la paroladiston per siaj ĉeesto kaj rimarkoj.

**Italujo.** — Sekve de la Itala Esperantista Kongreso, la Genova Esperanto-Unuiĝo fariĝis iniciatinto de grava Itala Esperanto-Asocio (I. S. A.) kiu, organizita en regionaj komitatoj, havas sian centran sidejon en Genova Salita Pollaiuoli 13. La I. E. A. havas kiel oficialan organon la monatan gazeton «Itala Esperantisto», kiu estas senpage sendita al ĉiuj membroj. La samideanoj povas sin aboni je la prezo de Sm. 1.— jare.

En *Genova* la movado bone progresas. La Liguria Instituto de Esperanto malfermis 6 kursojn en publikaj lernejoj kun la ĉeestado de pli ol 200 lernantoj. Novaj instruistoj de Esperanto estis diplomitaj de la dirita Instituto, La Asesoro de la Publika Instruado sendis gratulojn al la novaj instruistoj.

La Genova Esperanto-Unuiĝo kunigis la Liguriaj samideanojn en grava festeno por festi la naskotagon de nia kara Majstro, kaj malfermis, en Salita Pollaiuoli 13, belan « Esperanto-Hejmo » kiun ni esperas, vizitos multenombre la eksterlandaj samideanoj.

Kun la ĉeestado de ĉirkaŭ 400 personoj nia kara amiko S-ro Privat faris paroladon ĉe la salono de Popola Universitato. Li ankaŭ vizitis la Reĝon de Italujo kaj la Ministron de la Publika Instruado, honorinda Credaro. Ambaŭ akceptis lin tre favore kaj promesis helpi la esperantan movadon. La Genovaj gazetoj Caffaro, Secolo XIX kaj Lavoro bone rilatas pri nia movado.

**Meksikujo.** — La nova Ministro de Publika Instruado akceptis helpi nin, donante lokon kaj lumon por nia societo; tio ĉi estas tre interesa ĉar la antaŭa ministro montris sin malamiko al nia homama ideo. Ni havas novan grupon esperantan en Mazatlan, kies direktanto estas S-ro Jacinto Beltran, Inspektoro de lumturoj en tiu haveno.

La nuna Prezidanto de la Meksika Societo Esperantista estas S-ro Inĝeniero Mancera, Senatano, kaj la Vicprezidanto: S-ro D-ro Ambrosio Vargas. La nunaj klopodoj de lastnomita societo celas la starigon de Federacio de ĉiuj Meksiklandaj esperantistaj grupoj, propono kiu ricevos baldaŭan decidon. Ni notu ankaŭ la starigon de nova grupo en Zomona, kiun ni ŝuldas al la propagando de S-ro D-ro Vargas.

**Skotlando.** — Oni starigis novan kurson tiun ĉi monaton en Edinburgo por preslaboristoj; tiuj ĉi interesiĝis pri esperanto, pro la fakto ke ilia firmo presigis originalan romanon Esperanto verkitan de S-ro Luyken (« Paŭlo Debenham »). Ĉeestas pli ol dudek kursanoj.

La Skota Federacio Esperantista kaptis la okazon ĉe grava instruista kongreso okazinta en Edinburgo antaŭ kelkaj semajnoj, por disdonigi folietojn pritraktantajn la programon de Esperanto en la tutmondaj lernejoj.

Skota ĵurnalo enhavis raporteton pri la malavara ago de S-ro Michelin, la bonekonata komercisto, kiu donacis premiojn por Esperantaj tezoj.

S-ro Page faris tre sukcesan lekcion pri Esperanto ĉe preĝeja kunveno ; la pastro prezidis kaj tridek personoj ĉeestis. Je la fino kelkaj el la interesituloj aranĝis rondon por studado de la lingvo.

Nia movado perdis bonan amikon per la jusokazinta morto de la eksurbestro de Edinburgo, Sir James Gibson. Li tre afable prezidis ĉe grava propaganda kunveno de la Brita Esperantista Asocio aranĝita en la Skota Nacia ekspozicio 1905a.

N. W.

# DIVERSAJ INFORMOJ

**La Komitato Esperantista en Capodistria** dissendis la jenan cirkuleron :

» *Tre estimata Samideano !*

» Por propaganda celo ni aranĝos kiel eble plej baldaŭ esperantan » ekspozicion en nia urbo.

» Tial ni estas petantaj Vian senfinan afablecon, bonvolu sendi al ni (ĉu » prunte, ĉu donace) kiom da esperantaĵoj Vi povas.

» Se eble, ankaŭ bonvolu sendi Vian fotografaĵon kun Via subskribo.

» Ni esperas ke Vi, tre estimata Sinjoro, helpos certege niajn klopod-» ojn kaj tiel farinte Vi progresigos nian ideon.

» Dankante Vin antaŭe, restas respektplene

por la komitato :
ANTONIO MINUTTI
instruisto

» P. S. La adreso estas :

» Sinjoro Antonio Minutti, por la Komitato Esperantista, CAPO, » DISTRIA, palaco Percolt - de Foscarini, Via Eugenia. Donacoj kaj » pruntoj de ĉiu speco, ankaŭ rilataj al la movado en Via urbo, » membrokartoj, dokumentoj, informoj pri Viaj societoj, k. t. p. estos » favore akceptataj. »

° ° °

**Deziras korespondi** : kun neanglaj samideanoj : S. Serĝento Laing A.P.C., army pay office, British headquarters, Tientsin. Norda Ĥinujo, trans Siberio ; per ilustritaj poŝtkartoj, kun ĉiulandaj samideanoj :

— Rubes Antal, aferisto de unuiĝo, Köpösd (Nyitra) Hungarlando :

— Vladimir Chotek, Kral. Vinohrady, Velchradsky 23, Praha, Bohemujo, Aŭstrio.

— H. Heckmann, Wanheimerstr. 147, Duisburg (Germanujo).

— José M. Martinez, Apartado, 70, Ciudad Gomez Palacio, Dgo. Republica de Mexico.

— Fr. Bienkowski, Ĉefkomisario en Zaleszczyki, Galicio Austrujo.

— Vaclav W. Sarima, Palackeho tr. 58. Praha-Karlin (Bohemujo) deziras korespondi kun ĉiu, pri politiko, nacia historio, literaturo, lingvoscienco ; interŝanĝas ilustr. poŝkartojn, gazetojn (esp.) scias boheman germanan, francan, rusan kaj esperantan lingvojn.

— Diversflanke oni petas de ni sciigojn ĉu vivas ankoraŭ S-ro Leonard Buerbaum, Moretuslei, nº 60, Antverpeno, ĉar diversaj samideanoj diras ke ili ne ricevis respondon al sia korespondenco sendita al tiu sinjoro.

—Ni havas la honoron konigi al vi la *International CorrespondenceExchange* (Internacia Koresponda Interŝanĝo), la komunikilo necesega por interŝanĝo de poŝtkartoj, leteroj, fotografaĵoj, poŝtmarkoj, kuriozaĵoj k. c., kun la tuta mondo. Fondita en 1910, tiu societo jam sukcesis arigi grandan nombron da membroj en ĉiuj mondpartoj. Diversaj informoj en franca, angla, germana, hispana kaj esperanta lingvoj aperas en la kluba gazeto, kiu donas ankaŭ priskribojn pri landoj kaj urboj, poeziajojn, anekdotojn, verkitajn de la membroj mem. Tiu gazeto aperas ĉiumonate.

Ĉiujare la societo havas kunvenon, kiu estas sekvata de ekskurso en regiono, kie ĝi okazas. En 1911, la urbo Luksemburgo estis elektita kaj la riprezentanto en tiu urbo kondukis la partoprenantojn al la ĉefaj vidindajoj de la Grand-Duklando Luksemburgo ; poste, la ekskursantoj vojaĝis en Germanujo Belgujo kaj Francujo. Dum 1912 nia kunveno okazos en Ipswich kaj ni vizitos Londonon kaj la centran parton de Anglujo.

Malgraŭ la multaj profitoj havigataj de nia societo, la ĉiujara kotizmono estas nur 3 frankoj por ĉiuj landoj.

La Direkcio de « I.C.E. »
16, Avenue du Moulin, Forest (Bruselo)

o o o

La eksportoficejo Georg. F. Klefe, Lubeck, Untertrave, 8/1, per esperanta cirkulero informas la ĉiulandan samideanaron ke ĝi liveras al sia klientaro ĉiun bezonataĵon de metia, produkta aŭ industria deveno, de kudrilo ĝis aŭtomobilo kaj flugmaŝino, je la plej favoraj kondiĉoj.

# GRATULOJ

Niajn plej sincerajn gratulojn kaj korajn bondezirojn al S-ino Oscar Van Schoor-De Wolf kaj al nia Redakciestro okaze de la naskiĝo de ilia filino Leonia.

# BIBLIOGRAFIO

**1. Imprimerie Paul Brodard, Coulommiers.**

J. M. PICARD. — *L'Esperanto à l'Ecole*, ou l'enseignement méthodique de la **Langue française** aux enfants par l'**Esperanto.** Cours élémentaire (entre 7 et 10 ans). Un volume (18×11), 216+XXVII pages, cartonné. Prix non indiqué.

**Bulgara Esperanta Biblioteko.** -- N° 5-6 enhavas: *La profitoj de Esperanto. Por kaj kontraŭ Esperanto. La Internaciaj interrilatoj.* (U. E. A, — celo, organizo, servoj, signifo) 52 paĝoj, formato 13 × 19 : prezo Sm. 0.20 Havebla ĉe la redaktoro eldonanto IVAN H. KRESTANOF ĉe ia universitato en *Sofia* (Bulgario)

**E. Ĉefeĉ.** — *Pluaj argumentoj* por pruvi ke la teorio : « La radikoj en Esperanto havas gramatikan karakteron » kontraŭstaras la intencojn de la Fundamento. — Tre interesa broŝureto enhavanta en dek paĝoj bone pripensitajn argumentojn por pruvi la tezon de la verkisto.

**Kolekto de la Revuo.** — *E. Boirac.* — Vortaro de la oficialaj radikoj de Esperanto — Paris Hachette — fr. 0.50 (Sm. 0.20).

27 paĝa broŝureto enhavanta numerigitajn la oficialajn radikojn de Esperanto laŭ Universala Vortaro kaj unua oficiala aldono. Tre utila por verkistoj kaj studentoj.

# NEKROLOGIO

*D-ro G. Robin*, Prezidanto de la « Rumana Esperantista Societo ». Direktoro de la gazeto « Danubo » mortis la 26an de dec. apenaŭ 42 jara.

La bedaŭrata mortinto kiu kun sia edzino kaj du gefiletoj ĉeestis la 7-an kongreson, estis simpatia viro kiu treege laboris por nia movado en Rumanujo. Lia morto estas granda perdo por la Rumana Esperantistaro. Al lia ploranta familio «Belga Esperantisto» prezentas siajn sincerajn kondolencojn.

Z. ADAM. (Zakrzewski)

# Historio de Esperanto

*(Verko premiita en konkurso de « La Sepo » 1911)*

*(Daŭrigo)*

» La principoj, sur kiuj ĝi estas fondita, estas en la tuto » maleraraj : ĝia vortaro ne estas kreita laŭ la persona volo kaj juĝo de l'aŭtoro » sed prenita el lingvoj franca, germana kaj angla kaj parte el la latina, kaj ĝi enhavas vortojn, kiuj estas similaj en tiuj ĉi lingvoj ; estas nur faritaj kelkaj ŝanĝoj pro bonsoneco. Pro tio kaj pro ĝia gramatiko la lingvo estas mirinde facila por lerni, prezentante neniajn el la kalejdoskopaj rompaĵoj kaj ŝiraĵoj de Volapuk. La gramatiko de tiu lingvo estas el la plej simplaj, tiel simpla, kiel en nia propra lingvo (angla) kaj la reguloj por kreado de vortoj estas tiel klaraj kaj tiel facilaj, ke la vortaro el radikvortoj povas esti farita tre malgranda... D-ro S., kiu skribas sub la nomo de d-ro Esperanto, estas tre modesta en siaj postuloj kaj proponas sian lingvon al la publika kritiko tra la tempo de unu jaro, antaŭ ol li donos al ĝi la finan formon. Post tiu fina trarigardo kaj ŝanĝo li volas prezenti ĝin por publika uzado. Li petas siajn legantojn promesi lerni la lingvon nur tiam, se 10.000.000 personoj estos donitaj tian saman promeson. Mi esperas, ke la fina trarigardo de l' « Lingvo internacia » kondukos al la boniĝo de la eraroj, kiujn mi montris, kaj la tuta mondo povas kuraĝe doni la petitan promeson » (*).

Phillips proponis nur kelkajn ŝanĝojn.

Kiam Zamenhof eksciis, ke aŭtoritata, scienca institucio prenas sur sin efektivigon de lia malnova, dum tiom da jaroj dezirita revo, pri internacia scienca kongreso por lingvo internacia, li juĝis sian rolon — plene finita.

Anstataŭ la projektitaj ses kajeroj li do eldonis malgrandan broŝuron (**) por sciigi la amikojn, « ke la tuta sorto de la lingvo internacia de nun transiras en la manojn de la kongreso, kaj la fina formo, kiun la kongreso donos al la lingvo, devas esti leĝdonanta por ĉiuj amikoj de la « Lingvo internacia », se la kongreso eĉ trovus necesa ŝanĝi la lingvon ĝis nerekonebleco. Mia rolo — li skribis — nun estas finita, kaj mia persono tute foriras de l'sceno... Al ĉiuj ŝanĝoj, kiujn

(*) Henry Phillips. « An attempt towards an International Language by Dr. Esperanto, translated by... Jr A, secretary of the American Philosophical Society. Together with an english — international vocabulary compiled by the translator. »

(**) Aldono al la « Dua libro de l'Lingvo internacia » Varsovio (Cenzuro 6 (18) de Junio 1888) 20 paĝoj.

kongreso post fonda provado trovos necesaj, mi jam antaŭel donas mian plenan konsenton ».

« Pro tio la eldonado de la ceteraj kajeroj de la « Dua Libro » nun jam ne estas bezona, la nuna kajero estas la lasta kaj la aŭtoro nun ĉesigas je eterne sian laboradon. Ĉion, kion mi de nun faros aŭ skribos, mi faros jam kiel simpla privata amiko de la lingvo internacia, havante nek pli da kompetenteco, nek pli da moralaj aŭ materialaj privilegioj, ol ĉiu alia »...

La kreinto, aŭtoro de la lingvo, metis sin propravole kiel simpla laboristo en unu rangon kun ĉiuj aliaj. Bela kaj malofta trajto de karaktero !

Siajn lastajn dezirojn, kiel aŭtoro, Zamenhof resumas en 9 sekvantajn punktojn :

1) se malgraŭ ĉio la kongreso ne efektiviĝos, tiam — sed ne antaŭ kvin jaroj — la amikoj de lingvo internacia devas organizi mem internacian Kongreson por decidi ŝanĝojn kaj bonigojn ;

2) li enkondukas ŝanĝon, solan en la unua formo de la lingvo, nome : anstataŭigon de vortoj rilataj de la tipo : *kian, tian, ĉian...* per : *kiam, tiam, ĉiam...* por diferencigi de la akuzativo de *kia, tia...*

3) li permesas anstataŭigi la signojn de la signitaj literoj *ĉ, ŝ, ĝ*, per iaj ajn aliaj signoj aŭ per litero : *ch, sh, gh* — kaj *ŭ* per u, se tiuj literoj kreas malfacilaĵojn en la presejoj, en la telegramoj k. c. ; la internaj signetoj povas ankaŭ esti signitaj per apostrofoj aŭ baretoj : frat'ino, *verk-e-to....*

4) li plene konsentas, ke lia vortaro ne estas plena, nek sufiĉa.... (« se kun ĉiu vorto oni devus atendi, ĝis mi ĝin kreos, tiam la lingvo neniam estus finita, kaj ĉiam estus en dependo de mia persono »), sed li opinias, ke necesa estas nur unu komuna fundamento (t. e. la unua broŝuro) ; ĉio cetera devas esti kreata de la vivo. Sole kompetentaj devas esti en tio : talento, logiko kaj leĝoj, kreitaj de la plej granda parto de la verkantoj kaj parolantoj...

« Se ia vorto — diras Zamenhof — ne estas trovata en la vortaro, kiun mi eldonis, kaj oni ĝin ne povas fari mem laŭ la reguloj de la internacia vortfarado, nek anstataŭigi per alia esprimo, — tiam ĉiu povas krei tiun vorton laŭ lia persona plaĉo ; ankaŭ se naskiĝus ia demando stilistika au eĉ gramatika, ne decidita klare en mia unua broŝuro, — ĉiu povas ĝin decidi laŭ sia juĝo, kaj se vi volas scii, ĉu vi bone decidis tiun demandon, turnu vin ne al mi, sed rigardu, kiel tiun demandon decidas la plejmulto de l'verkantoj. Ĉiu vorto, ĉiu formo, kiu ne estas rekte kontraŭ al jam kreita gramatiko kaj vortaro, aŭ kontraŭ la logiko aŭ la leĝoj, enkondukitaj de la plejmulto de l'uzantoj, — estas tute bona ; oni devas peni esprimadi siajn pensojn per la jam estantaj vortoj kaj kreadi novajn vortojn nur tie, kie ili estas

efektive necesaj, — kaj tiam, la vortoj nove kreataj estos nur malofte disjetitaj inter la multo da vortoj jam konataj kaj povos facile aliĝi al la lingvo kaj riĉiĝi ĝin, ne perdigante ĝian unuformecon.

Tiaj novaj vortoj, kreataj de apartaj aŭtoroj, Zamenhof konsideras, kiel provincalismojn en lingvoj naciaj kaj vidas en tio nenian danĝeron : vortoj, kreitaj malfeliĉe, baldaŭ perdiĝos ; vortoj sinonimaj, kreitaj de diversaj aŭtoroj, batalos inter si, ĝis kiam unu formo praktike elpuŝos aliajn. Zamenhof do ne nur ne malpermesas kreon de novaj vortoj sed eĉ kuraĝigas memstaran iniciativon de ĉiuj lingvanoj. Por faciligi interkompreniĝon li montras simplan rimedon : sufiĉas montri en krampoj signifon de nova vorto en alia lingva, plej bone en franca, kiel plej disvastigita. La skribanto kaj la leganto, eĉ ne sciante lingvon francan, facile trovos signifon de la vorto en siaj vortaroj naciaj-francaj. Fine, por eviti riproĉon, ke li ne povas aŭ ne volas ellabori plenan vortaron pro maldiligenteco, Zamenhof klarigas : « por mi persone estus kompreneble multe pli oportune teni la sorton de l' lingvo internacia en miaj manoj ; sed mi deprenas de mi tutan aŭtoritaton nur tial, ke mi profunde kredas, ke tion postulas la interesoj de l'afero. Sed, se la estonteco montros, ke mi eraris kaj ke plena vortaro devas esti kreata de unu persono, la leganto ne forgesu, ke mi ja povas ĝin fari ankaŭ poste. Sed mi faros ĝin nur tiam, se la tempo montros, ke ĝi estas efektive necesa ; »

5) Al riproĉo, kial li ne povas preni sur sin eldonon de naciaj vortaroj, de sistemaj kaj vastaj lernolibroj k. c., li respondas per lerta rimarko : ĉiu estas egala morala kaj materiala mastro de la lingvo, kiel mi mem ; « ĉiu do povas eldoni ĉiajn necesajn verkojn, ne atendante ĝis mi tion faros... mi faris kion mi povis : ke ĉiu amiko de la lingvo faru ankaŭ, kion li povas... »

6) Li promesas komenci baldaŭ eldonadon de adresaroj de la « promesintoj », kvankam multaj personoj, kiuj laboras pri la afero kaj tute bone korespondas en lingvo internacia, ne sendis « promesojn ».

7) fine Zamenhof turnas sin al siaj lingvanoj kun varma peto, ke ĉiu laboru laŭ povo *senbrue, diligente, konstante* kaj ne zorgante pri mokoj kaj indiferenteco. Ĉiu en sia lando devas skribi pri la lingvo en plej legataj jurnaloj, devas korespondadi, kolekti « promesojn. » Eĉ se ili neniam atingos la esperatan nombron, ili montros konstantan senrompan kreskon de la afero. Speciale alvokas Zamenhof siajn samideanojn al literaturaj laboroj, ĉar nenio povas tiel bone imponi al la amaso, kiel konstantaj signoj de vivo. Krom tio, ĉiu nova gramatiko kaj vortaro nacia ne sole donos al tiu popolo la eblon aliĝi al la homara afero, sed unutempe per unu fojo donos al la tuta mondo la eblon korespondi libere kun ĉiu ano de tiu popolo. Oni devas eldoni pli vastajn lernolibrojn, laŭ bonaj metodoj, kun multaj ekzemploj, ĉar la lernolibroj, kiujn mi eldonis mem, estas tre malgrandaj

kunpremitaj kaj faritaj nur por homoj pli — malpli instruitaj. Fine, kiel eble plej multe da verkoj en la lingvo internacia, originalaj aŭ tradukitaj. Ĉiu el la amikoj de l'lingvo aparte povas ankaŭ eldoni nur malmulte, sed se ĉiu el ni farus tiun malmulton, kiun li povas, tiam la literaturo de l'lingvo internacia rapide vastiĝus. La eldonantaj de l'verkoj mi petas ankaŭ, ke en la fino de ĉiu verko, kiun ili eldonas, ili presu ĉiam la plej novan el la nomaroj. Tre grava estas ankaŭ diligenta uzado de la lingvo en korespondado kun amikoj kaj konatoj aŭ eĉ kun nekonatoj. Ricevinte de vi leteron internacian kaj kompreninte ĝin, kvankam li la lingvon ne lernis, via adresito vidos praktike la oportunecon de l'lingvo, kaj li komencos ĝin uzadi mem : se li restos indiferenta, tiam ricevinte kelkajn fojojn tiajn leterojn, li jam scios sufiĉe bone la lingvon, tute ĝin ne lerninte. Estus bone, se en ĉiuj urboj kaj urbetoj estus kreitaj rondetoj por kune labori ».

La finaj vortoj de Zamenhof estis : « Tiu ĉi libreto estas la lasta vorto, kiun mi elparolas en rolo de aŭtoro. De tiu ĉi tago la estonteco de la lingvo internacia ne estas jam pli multe en miaj manoj, ol en la manoj de ĉiu alia amiko de la sankta ideo. Ĉiu el vi povas nun fari por nia afero tiom same, kiom mi, kaj multaj el vi povas fari multe pli multe ol mi, ĉar mi estas sen kapitaloj kaj el mia tempo, okupita de laboro por ĉiutaga pano, mi povas oferi al la amata afero nur tre malgrandan parton. Mi faris por la afero ĉion, kion mi povis ».

Ni do vidas, ke Zamenhof, forŝovinte sin mem kun plena ofero de sia propra sinamo, nenion tiel deziris, ol ke la afero de lia lingvo pasu en manojn de aŭtoritata scienca institucio. Liaj esperoj sur la Filadelfia societo baldaŭ disbloviĝis ; al la dissenditaj invitoj, post longa atento, alvenis — kvin respondoj ! Dana Scienca Akademio en Kjobenhavn, Universitato de Edinburg, Amerika Societo « for advancement of Sciences » kaj Franca Societo Zoologia — promesis kunlaboradon ; kvinan respondon, rekte kontraŭan, donis Londona Societo Filologia. (*)

Ripetiĝis historio malnova, kiu ofte okazas ĉe la apero de novaj sciencaj teorioj aŭ praktikaj eltrovaĵoj. La sciencaj korporacioj, pro tro granda singardemeco kaj scepticismo aŭ eĉ pro kutima rutino, — montris sin ofte indiferentaj aŭ eĉ rekte kontraŭaj. Kiom da novaĵoj akiris aprobon de universitatanoj nur tiam, kiam ili jam sukcesis per propraj fortoj disrompi ĉiujn antaŭjuĝojn kaj estis praktike elprovitaj !

Nur unu cirkunstanco klarigas ĝis certa grado tiaman indiferentecon por la problemo de lingvo internacia : ni devas memori, ke Esperanto aperis en momento, kiam la ideo de lingvo internacia estis tute senkreditigita en la ĝenerala opinio pro la malfeliĉa pruvo de Volapuk. Eĉ pli sinceraj adeptoj de tiu ĉi ideo

(*) Versajne pro tio, ke ĝia sekretario, Al. J. Ellis, estis tiam decidita Volapukisto.

ekdubis, kiam ili vidis, kiel rapide estingiĝis unu post alia la unuaj prosperaj rezultatoj de la propagando de tiu ĉi lingvo. Antaŭ kelkaj jaroj oni kalkulis milionon da volapukistoj, — inter kiuj multaj eminentaj scienculoj ; ekzistis 283 societoj — en sola Parizo 14 kursoj, 1600 diplomituloj ; estis eldonitaj 316 lernolibroj en 25 lingvoj, aperis 25 jurnaloj... kaj el ĉio restis preskaŭ nenio : apenaŭ malmultaj postsignoj — malgrandaj grupetoj de obstinaj entuziasmuloj, precipe en kelkaj germanaj urboj kaj malamikaj, koleraj rilatoj inter la episkopo Schleyer, aŭtoro de la lingvo kaj Wladimir Rosenberg, aŭtoro de « Idiom Neutral », ĉefo de reformistoj ! Jes, en tiu momento, Lingvo internacia ŝajnis neatingebla utopio kaj la propaganda laboro de la unuaj esperantistoj renkontis ĉie nur mokojn aŭ kritikeman indiferentecon.

## IIa Epoko. Unuaj grupoj kaj organizacioj esperantaj

*Nurnberg — Centro Esperantista — 1889-1895*

Zamenhof tamen malgraŭ ĉio ne ĉesis labori. Lia alvoko al kunlaborantoj ne restis sen respondo. Li eĉ atendis nelonge. Baldaŭ okazis unua ĝoja fakto : li ricevis manskribaĵon de literatura esperanta verko ! Antoni Grabowski, ĥemiisto. laboranta tiam en tekstila fabriko en Rusujo estis aŭtoro de tiu unua literatura verko : de la tradukaĵo de « La Neĝa blovado » de Puŝkin. (*)

Mankis tamen al Esperanto organizita sistema propaganda agado ; ĉirkaŭ la Majstro grupiĝis kelkaj amikoj, pli aŭ malpli « esperantigitaj » (ni notu en krampoj, ke la unua persono, kun kiu Zamenhof unue povis paroli kaj parolis esperante, estis lia kolego — dro Aleksandro Waldenbergh.) sed en Varsovio, pro

(*) Antoni Grabowski, naskita en Prusa Polujo en jaro 1857, estis tiam ĥemiisto ĉe tekstila fabriko de Ivanovo-Voznjesensk en Rusujo.

Li interesiĝis jam de longe pri la problemo de lingvo internacia sed aliĝis al neniu el ĝisnunaj projektoj. Nur kiam, estante en Torun, en jaro 1887, li aĉetis en ia librejo broŝuron de Zamenhof, li tuj fariĝis varma Esperantisto. En tiu ĉi tempo, intencante forveturi Rusujon, li lernis lingvon rusan laŭ lernolibro germana de August Boltz, en kiu la « Neĝa Blovado » de Puŝkin estis analizita en apartaj lecionoj. Grabowski por elprovi la novan lingvon tradukis tiun ĉi verkon. Li estas ankaŭ aŭtoro de la dua, kvara kaj kvina esperantaj literaturaĵoj, nome, laŭ ĥronologia ordo :

2) « La Gefratoj », komedio de Goethe (1889).

4) « Kondukanto internacia de l'interparolado » (1890).

5) « La Nova Jaro » de B. Prus kaj « Janko Muzikanto » de Henryk Sienkiewicz (1890).

La tria verko estis : « Princino Mary » de Lermontow, tradukita de E. de Wahl (1889).

De tiu momento Grabowski ne ĉesis okupi sin pri Esperanto, ĉu kiel energia propagandisto, ĉu, dum kelka tempo (1896-1903), kiel reformisto kaj fine denove kiel konservema zorganto de la lingvo. Ni havos okazon ankoraŭ multfoje paroli pri liaj laboroj.

kaŭzoj politikaj, oni ne povis tiam pensi eĉ en revoj pri publika agado. Troviĝis alia malproksima lando, kiu prenis sur sin tiun ĉi taskon, dank al fervora kaj kuraĝa agado de unu el plej meritplenaj homoj en la esperanta afero.

Leopold Einstein, ĵurnalisto en Nurnberg, okupis sin jam de longe pri historio de la homa civilizacio, kaj, inter aliaj, ankaŭ pri lingvo internacia ; lia ĉefa verko pri tiu ĉi lasta temo estis : « Zur geschichte der weltsprachlichenVersuche von Leibnitz bis auf die Gegenwart.» Li estis volapukisto, kiam la broŝuro de Zamenhof trafis en liajn manojn kaj tuj konvinkis lin. « La demando pri lingvo internacia estas definitive solvita » — skribis li al Zamenhof, – « ĉar oni ne povas revi pri pli simpla gramatiko kaj nenia vortaro povas havi pli logikajn principojn. Se eĉ oni trovas en la lingvo kelkajn erarojn, tio estas detaloj, kiujn on povas ĉiam korekti, ne tuŝante la principon mem : kun plena trankvilo mi do povas komenci labori, sen timo, ke mi iam estos devigita forĵeti tiun ĉi aferon. »

Kvankam preskaŭ sesdekjara li ellernis Esperanton kaj komencis vivan, energian propagandon kun vere junula energio.

Jam ok semajnojn poste li eldonis broŝuron, titoliton : « La Lingvo Inernacia als beste Lösung des internationalen Weltspracheproblems », kiu altiris sur lin laŭtajn, kolerajn riproĉojn kaj malbenojn de liaj antaŭaj amikoj volapukistoj.

Sed tio nur incitis Einstein al nova pli energia laboro. Li respondis al siaj kontraŭuloj per nova broŝuro : «Weltsprachliche Zeit u. Streitfragen », verko plej valora, kiu havis grandan influon sur la movado en Germanujo kaj kreis fortan fundamenton por Esperanto en tiu ĉi lando.

Bedaŭrinde, Einstein estis danĝere malsana : li mortis 8-an de Septembro 1090. El sia dolora lito, kelkajn tagojn antaŭe, li skribis al Zamenhof leteron plenan de esperoj por la esperanta afero, kvazaŭ antaŭvidante estonton : « mi jam ne vidos la triumfon de nia sankta afero, sed vi ne perdu, esperojn kaĵ laboru : diversaj malhelpoj povas plimalfruigi ĝian progreson, sed nenio povas malhelpi al ĝia fina venko ».

Zamenhof prave diris, ke la nomo de Leopold Einstein devas esti enskribita per oraj literoj en historio de Esperanto. Liaj mallongaj, sed gravaj kaj seriozaj laboroj, baldaŭ alportis neatenditan rezultaton, kiun oni povas konsideri, kiel unuan venkan batalon esperantan : en Nurnberg, urbo, kiu estis unu el plej fortaj centroj de Volapukismo, en decembro 1888, la grava germana societo : « Nurnberger Weltsprache Verein », fondita 18an de Februaro 1885, en sia plena ĝenerala kunveno, laŭ propono de sia prezidanto, Christian Schmidt, post varma diskutado, decidis per granda plejmulto da voĉoj de siaj anoj — aliĝi al Esperanto !

---

Enpresita en Bayerische Lehrer Zeitung N. 11, kaj 12 1885.

Tiu societo estas do la unua esperantista organizacio. De tiu momento la esperantista afero, kuŝanta ĝis nun sur ŝultroj de unu homo, trovis por sia kresko pli larĝan kaj fortan bazon. Baldaŭ poste efektiviĝis la malnova revo de Zamenhof : en Nurnberg aperis la unua esperanta ĵurnalo !

La plena titolo de la unua numero estis :

LA ESPERANTISTO.

| | |
|---|---|
| Zeitschrift für die Freunde der Esperantosprache. | Gazeto por la amikoj de la lingvo Esperanto. |
| Herausgegeben unter de Mitwirkung des Dr. Esperanto (Dr.L.Samenhof) von Chr. Schmidt, Vorstand des Weltsprachevereins in Nürnberg. | Sub la kunlaborado de Dr.Esperanto (Dr. L.Zamenhof) eldonata de Chr. Schmidt, prezidanto de la klubo mondlingva en Nürnberg. |
| Erscheint monatlich einmal. Zu bestellen auf der Post und in der Buchhandlung von Heerdegen-Bar-Beck in Nürnberg. | Eliras unu fojon en la monato. Oni povas aboni sur la poŝto kaj en la librejo de Heerdegen-Barbeck en Nürnberg. |
| Preis 1 Mark für das Vierteljahr (durch die Post 1.15 Mk). | Kosto 1 marko por 1/4 de jaro (per la poŝto 1 marko 15 pf.). |
| Anzeigen werden angenommen zu 20 Pfennig für die Petitzeile. | Anoncoj estas akceptataj por 20 pfenigoj por la petitlinio. |

*Nr. 1 Nurnberg, 1 September 1889 1. Jahrgang*

La ĵurnalo eliradis ĉiumonate, kun malgrandaj interrompoj dum ses jaroj kaj estis en tiu epoko la ĉefa centro de la esperantista movado, ĉirkaŭ kiu kuniĝis kaj alproksimiĝis ĉiuj tiamaj esperantistaj laboristoj.

Zamenhof komencis la unuan numeron per deklaracio konforma al ĉiuj liaj antaŭaj vortoj kaj agoj. Li deklaris, ke li neniam volis esti leĝdonanto kaj ke la sorto de la lingvo trovas sin en manoj de ĉiuj Esperantistoj. « Ĉio en la lingvo devas resti tiel, kiel decidos la plejmulto, tute egale ĉu mi persone konsentos aŭ ne. » Ni vidas tamen ke lia aŭtoritata opinio estis ankoraŭ multfoje necesa por savi la aferon.

Jam en la tria numero de « Esperantisto » (20 Decembro 1889) Zamenhof revenas al sia antaŭa ideo, kiu ŝajnis al li sola rimedo por definitive solvi ĉiujn dubajn demandojn pri la lingvo.

« La kongreso esperata laŭ iniciativo de la Amerika Filozofia Societos – skribis li, – bedaŭrinde ne efektiviĝis pro indiferenteco de la instruituloj... La afero estas sen kondukanto, kvankam de multaj flankoj oni turnas sin ankoraŭ al mi mem kun diversaj proponoj.. Mi ne havas jam privilegion nek akcepti, nek malakcepti tiujn proponojn kaj fari en la lingvo ian ŝanĝon laŭ mia propra bontrovo... Ni bezonas havi ian Ligon aŭ Akademion, kreitan de la esperantistoj kaj aŭtoritatan de ili. »

*(Daŭrigota)*